# BELGA ESPERANTISTO

44a Jaro - N-ro 2a - Aprilo 1952

Ĉefredaktoro :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Asocio sen profita celo,
aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

Socia Sidejo : 19, Avenuo Montjoie, 19, Bruselo

## 36a Belga Kongreso de Esperanto

Bruĝo, 31-5 ĝis 2-6-1952.



*Kliŝo Servo Turismo - Bruĝo*

LA LUMIGADOJ VIDATAJ DE LA « ROZENHOEDKAAI ».



# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

19, avenuo Montjoie - Bruselo

— ASOCIO SEN PROFITA CELO —

Statutoj : *Moniteur Belge - Belgisch Staatsblad,* n-ro 115, 27 Junio 1936.

## HONORA KOMITATO

S-ro Frans VAN CAUWELAERT,
Prezidanto de la Deputitaro.

S-ro Robert CATTEAU,
Vic-Prezidanto de la Senato, Skabeno de Bruselo.

S-ro Achille VAN ACKER,
Efsĉefministro, Deputito.

S-ro Georges MAZEREEL,
Senatano.

S-ro Georges MICHELET,
Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo.



BELGA ESPERANTISTO
OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

44a Jaro Aprilo 1952 N-ro 2a

# Kial ni batalas por Esperanto

Jen la temo de la proksima oratora konkurso por niaj gejunuloj.

Mi ne volas, en la nuna numero, — je la momento kiam tiuj junuloj komencas sian pripensadon de la temo —, diri la kialojn pro kiuj **ni,** kiuj dum nia esperantisteco maljuniĝis kaj griziĝis, daŭrigas **nian** batalon por tio, kio, en nia junaĝo, iĝis kaj, dum jardekoj, restis nia Idealo.

Mi volas lasi al ili la plenan respondecon pri la kialoj, kiuj instigas ilin. Mi do, per nenia vorto, volas altrudi mian opinion, mian kredon en la estonta disvolviĝo de la problemo pri internacia helplingvo.

Sed, je la momento kiam mi reprenas la gvidadon de nia Revuo, mi volas, — post kora dankvorto al D-ro Kempeneers, nia Prezidanto, kiu ekredaktis nian organon, kiam neniu alia inter ni havis la tempon, la eblecon, nek la deziron, alpreni la plian taskon de tiu gvidado —, alvoki ĉiujn al kunlaboro en la kunmeto, en la efektivigo kaj en la pliagrabligo kaj pliinteresigo de nia revuo.

Mi ne diras al vi la kialojn pro kiuj vi devas helpi. Ĉiu inter vi havas sian propran kialon, kiu diferenciĝas laŭ la koncepto, kiun ĉiu el ni havas pri sia Idealo.

Sed mi diras tutsimple al vi : Batalu, kunbatalu por nia Esperanto !

La revigligo de la movado en nia lando, post la milito, estis ja malfacila. Multaj el ni eniris alian laborsferon aŭ, se ili konservis sian antaŭmilitan profesion, trovis en ĝi pli da malfacilaĵoj, pli da penado. Kaj tiu penado mem iĝis por ili pli kruda, pli laciga pro ilia pli alta aĝo.

Kaj tiel kaj tial restis nur kelkaj por repreni la standardon, por repreni ankaŭ la taskojn, iam dividitajn inter multaj.

Unu post alia tamen ĉiuj niaj grupoj reviglîĝis. Unu post alia, ili trovis, inter elementoj pli junaj, la bezonatan helpon.

Ĉiuj tiuj novuloj ne jam kapablas repreni ĉiujn taskojn, ĉar kelkaj inter tiuj ĉi estas ĉu malfacile prizorgeblaj, ĉu delikataj. Sed ili ĉiuj konsciu, ke tamen alproksimiĝas la tago, kiam estos ilia d e v o, ne nur helpi la veteranojn, sed enviciĝi en la kolonaron, sur kiu ripozas la granda landa konstruaĵo.

Ne sufiĉas ke ĉiu en sia rondo, en sia grupo, bone laboru :

Inter ni devas ekzisti ligilo, kiu ordigas la propagandon en la lando : kaj tiu ligilo, — nia Ligo —, devas esti forta !

Inter ni ankaŭ devas ekzisti alia ligilo, kiu de tempo al tempo vizitas nin ĉiujn hejme, la fervorajn kaj la malfervorajn, la regule ĉestantojn de la kunvenoj kaj tiujn, kiuj nur tre neregule povas ĉeesti kunsidojn : kaj tiu ligilo, — nia Revuo, — devas esti bela kaj taŭga.

Al la laboro de la Ligo, al la eldono de nia revuo, ĉiuj do kunlaboru !

Jen mia alvoko en la nuna momento : alvoko kiu **devas** esti, **estos** aŭdata. Ĉar « **Vox clamans in deserto** » apartenas al la internacia lingvo de la estinteco... Ĝi estas netradukebla en Esperanton, la internacian lingvon de la estanta kaj estonta tempo !

Maur. JAUMOTTE.

# 36ª Belga Kongreso de Esperanto

*« Unu Belga Nacio, unu nacia Ligo, unu Belga Kongreso. »*

**Bruĝo, 31a de Majo ĝis 2a de Junio 1952.**

---

PROVIZORA PROGRAMO

**Sabaton, 31-an de majo :**

14-a : Malfermo de la akceptejo.

16-a : Kunsido de Belga Esperanto-Instituto kaj fakaj kunsidoj, en la hotelo « Cornet d'Or ».

17-a : Laborkunsido en la sama ejo kun la Oratora Konkurso kaj pritrakto de la Kongresa Temo.

De la 18 1/2-a ĝis la 20 1/2-a : liberaj horoj.

20 1/2-a : Granda kongresa balo kun bonega orkestro en la dancejo « Tabarin » ĝis la 1 1/2-a.

**Dimanĉon, 1-an de junio :**

9-a : Por la katolikoj : Diservo en la Basiliko de la Sankta Sango, placo « Burg ».

10-a : Akcepto en la urbdomo.

11-a : Solena Kunsido.

12.30-a : Fotografado.

12.45-a : Demeto de floroj ĉe la Monumento al la Militmortintoj, Karthuizerinnenstraat.

13-a : En « Hôtel du Cornet d'Or » : Festeno (prezo, servado enkalkulita 110 fr.).

16-a : (je la fino de la festeno) en la sama ejo : Rememorigo pri la vivo de la Jubileanta Grupo.

Poste kaj ĝis la 20-a : liberaj horoj.

20-a : Kabaredvespero organizata de ekster-Bruĝaj grupoj.

22-a : Pieda promenado laŭ la lumigataj kajoj ĝis Minnewater.

23-a : Motorboata ekskurso sur la lumigataj kanaletoj.

**Lundon, 2an de junio :**

9-a : Foriro por aŭtoĉara ekskurso al la marbordo (Knokke, Zwyn, Zeebrugge, k.t.p.) - Plenaj informoj aperos en venonta numero.

Posttagmeze : kiel kongresa adiaŭo : Kampfajra kantado en la dunoj.

Reveno al Bruĝo, iom antaŭ la 18-a, por permesi al malproksime loĝantaj kongresanoj rehejmiĝi la saman tagon.

**Kongreskotizoj :** 50 fr.; post la 15-a de majo : 60 fr. pagotaj al P.Ĉ.K. n° 3766.98 de « Belga Kongreso de Esperanto ».

Por blinduloj kaj eksterlandanoj la kongreskarto estas senpaga.

La sekvon de la listo de aliĝintoj oni trovos sur la sekvanta paĝo.

L.K.K.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista, a. s. p. c.

## ĜENERALA LAŬLEĜA KUNSIDO

La anoj de Reĝa Belga Ligo Esperantista estas petataj ĉeesti la jaran kunvenon, kiu okazos sabaton la 26an de aprilo 1952, je la 17a horo en « Brasserie St-Martin », Place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein, en Bruselo.

TAGORDO

1. Raporto de la Administrantaro.
2. Aprobo de la bilanco de la jaro 1951.
3. Fiksado de la kotizo.
4. Budĝeto 1952.
5. Laŭstatutaj elektoj.
6. Diversaĵoj.

**Rimarko.** — La grupoj estas petataj proponi kandidatojn por la administrantaro. Grupanoj, kiuj ne povas ĉeesti la ĝeneralan kunsidon, povas anstataŭigi sin de alia membro, donante al li skriban ateston.

P. KEMPENEERS. H. SIELENS.

## LISTO DE ALIĜINTOJ (SEKVO)

79. S-ro A. Stroobandt (Bruĝo) - 80. S-ino A. Stroobandt-Victoor (id.) - 81. F-ino Ch. Stroobandt (id.) - 82. S-ro N. Colling (Luksemburgo) - 83. F-ino E. Dubois (Bruselo). 84. F-ino J. Flécy (Bruĝo).

Al la nuna numero de B.E. estas aldonata « Aliĝilo », kiu donas ĉiujn informojn pri la kongresaj kostoj : festeno, lunda tagmanĝo, boata promenado, ekskurso kaj loĝado. Ĉiuj kongresirontoj, — ankaŭ tiuj kiuj jam ensendis sian nuran kotizon —, estas petataj zorge plenigi ĝin kaj resendi al F-ino Is. VAN PARYS, kasistino de la L.K.K., Gistelsteenweg, 310, St-Andries (Brugge).

Adreso por aliaj korespondaĵoj : S-ro Ch. POUPEYE, Prez. de la L.K.K., Elf Julistraat, 32, Brugge.

## ADMINISTRANTARA KUNSIDO

La administrantaro kunsidis la 8-an de marto 1952, en Bruselo.

**Financoj.** — Ĝi ekzamenis la kalkulojn, kiuj favore saldiĝas. Ili estas aprobitaj de la komisaroj kaj estos prezentataj al la Ĝenerala Jarkunsido.

**Ĝenerala Kunsido.** — Ĝi okazos sabaton, la 26-an de Aprilo je la 17-a h., Grand Sablon, 38, Grote Zavel, en Bruselo.

Laŭ la nombro de membroj je fino 1951, la grupo en Antverpeno rajtas prezenti 3 administrantojn; la grupoj en Bruselo kaj Bruĝo po 2 kaj la grupo en Gento unu. La izoluloj estos reprezentataj de unu administranto, dum tri pliaj administrantoj estos alelektataj.

**Estraro.** — La eksiĝo de S-ro Cl. Vandevelde, kiel ĝenerala sekretario, kondukis al nova divido de la laboro inter la estraranoj : S-ro Maur. Jaumotte, vicprezidanto, reprenos la direktadon de la revuo « Belga Esperantisto »; S-ro Henri Sielens iĝos ĝenerala sekretario, kaj zorgos pri informado, propagando kaj korespondado kun la ekstera kaj oficiala mondo, dum S-ro J. Soyeur iĝos Sekretario kaj prizorgos la rilatojn kun la grupoj, protokolos pri ĝeneralaj kaj administrantaj kunsidoj, k.t.p.

**Belga Esperantisto.** — La 3-a numero aperos kelkajn tagojn antaŭ la Bruĝa Kongreso.

**Oratora Kunkurso.** — Kiel en 1951, oratora konkurso estos organizata dum la nacia kongreso en Bruĝo. La temo elektita estas : « KIAL MI BATALAS POR ESPERANTO ». Alvoko al gejunuloj estas farata. La laŭreato ricevos premion.

Le Sekretario : J. SOYEUR.

# La socia Konsisto de nia Movado

## Enkonduka esploro

La Internacia Komisiono « Esperanto kaj Sociologio », laborante sub la aŭspicoj de U.E.A., faras enketon koncerne la socian konsiston de la Esperanto-movado.

Ĝi deziras pli bone koni la Esperanto-movadon laŭ la sociaj aspektoj de ĝiaj anoj, interne de la movado kaj la diverseco de loko kaj rilatoj de ĝiaj anoj en la tuto de la socio.

La celo de tiu ĉi kono estas pli bone kompreni la movadon kaj doni la ĝustan kontribuon por superrigardi, kompletigi, celdirekti, aktivigi, kunligi aŭ diverĝi ĝiajn povojn kaj ilojn, kie kaj kiaŭ eblas utile.

Kaj kiel unua paŝo al la skizita celo, ĝi opinias necese, ke enkonduka esploro estu entreprenata kaj tiucele Prof. D.-ro Lapenna kunmetis demandaron, kiun la naciaj societoj estas petataj enpresigi en siaj organoj kaj kiun la lokaj grupoj estas petataj submeti al sia membraro.

Ĉiu membro de Belga Ligo, kiu do samtempe estas asocia membro de U.E.A., estas petata respondi kiel eble plej bone al la ĉi suba demandaro.

La respondoj estu skribataj sur folio de 21 je 30 centimetroj kaj nur je unu flanko de la papero. Ĉiu respondo estu skribata malantaŭ la numero de la demando kaj ĉiuj numeroj staru unu sub alia.

Se estas demando al kiu Esperantisto ne povas aŭ ne deziras respondi, li tamen skribu la numeron de la demando kun trastreko.

Tiuj ĉi demandaroj estu pretigataj antaŭ la fino de aprilo.

Jen la listo de demandoj :

A. *ENKONDUKAJ DEMANDOJ.*

1. En kiu lando vi loĝas ? De post kiam ?
2. En kiu provinco vi loĝas ?
3. En kiu loko (urbo, vilaĝo, k.t.p.) vi loĝas?
4. Kiom da enloĝantoj tiu loko havas ?
5. En kiu lando vi naskiĝis ?
6. Al kiu nacieco vi apartenas ?
7. Kiun lingvon vi parolas hejme ?
8. Kiun lingvon vi parolas en via profesia (laboro) medio ?
9. Ĉu vi estas ano de eklezio aŭ de relegia komuno, se jes de kiu ?
10. Eventuale : aliaj informoj.

B. *PERSONA KAJ FAMILIA STATO.*

11. Kiun aĝon vi havas (en jaroj) ?
12. Ĉu vi estas fraŭl(in)o, edz(in)o ?
13. Ĉu vi loĝas en gepatra familio aŭ ĉe aliaj ?
14. Ĉu via fianĉ(in)o estas ankaŭ esperantist(in)o aŭ iĝanta ?
15. Ĉu via edz(in)o estas ankaŭ esperantist(in)o aŭ iĝanta ?
16. Ĉu estas inter viaj infanoj esperantistoj, aŭ iĝantoj ? Se jes, menciu la nombron kaj aĝojn.
17. Kiom da infanoj loĝas ankoraŭ en via familio ? Bonvolu mencii la aĝojn.
18. Eventuale : aliaj komunikoj pri stato de persono (ekz. invalideco) aŭ familio.

C. *INSTRUADO KAJ STUDO.*

19. Kian ĝeneralan formantan instruadon vi ricev(a)is ?
Menciu la specon de lernejo, ekzemple elementan aŭ unua-gradan, mezgradan aŭ duagradan, kaj ĉu vi akiris la diplomojn.
20. Ĉu vi ricev(a)is fakan instruadon en : kapabligo per la praktiko.
unuagrada (metio-) lernejo aŭ kurso.
duagrada (mezgradu) lernejo aŭ kurso.
specialaj kursoj.
Menciu la akiritajn diplomojn.
21. Ĉu vi ricev(a)is superan instruadon en instituto, akademio, universitato ? Indiku

la specon de instituto, fakultaton eventuale specializon kaj la rezulton de la studo.

2. Se vi ankoraŭ studas: ĉu vi estas ano de societo de lernantoj aŭ studentoj? Eventuale: menciu vian aktivan funkcion en tiu societo ekzemple de estraran(in)o aŭ komisionan(in)o.

23. Kiom da jaroj vi estas esperantist(in)o?

24. Kial vi lernis Esperanton?

25. Ĉu vi havas Esperanto-diplomon (jaro): ĝeneralan, instrurajto-donantan; korespondistan?

26. Eventuale: aliaj informoj pri klerigo aŭ studo, ekzemple kiujn fremdajn lingvojn vi scipovas, skribe kaj/aŭ parole?

D. *OKUPO, PROFESIO.*

27. Kiu estas via taga labor-okupo/profesio? Menciu la Esperanto-nomon kaj la nomon en via nacia lingvo?

28. Priskribu ĝin per kelkaj vortoj: a) agadon/manipuladon; b) sendependan aŭ dungo-rilato.

29. Kiom longe (en jaroj) vi praktikas vian nunan profesion?

30. En aŭ por kiu speco de entrepreno, instituto, instanco vi laboras?

31. Ĉu vi havas funkcion en kontaktcentro aŭ inter-konsiliĝadkomitato en via entrepreno?

32. Ĉu vi estas ano de fakteknika societo? Eventuale menciu la aktivajn funkciojn: komisionan(in)o, estraran(in)o, klerigant(in)o.

33. Ĉu vi estas ano de: profesia unuiĝo, sindikato? Menciu eventuale via(j), aktiva(j)n, funkcio(j)n en ĝi.

34. Ĉu vi uzas Esperanton en via profesio?

35. Ĉu vi uzas Esperanton en internacia fakteknika aŭ kolega kontakto?

36. Eventuale: konciza komuniko pri nuna krom-okupo aŭ ofico.

37. Ĉu vi nuntempe estas: a) okaze; b) provizore aŭ; c) daŭre sen profesia okupo? Kiu estas la kaŭzo?

38. Ĉu vi praktikis en la estinteco alia(j)n profesio(j)n, se jes kiu(j)n?

## ALVOKO AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ

La Universitato de Lund (Svedujo) faras, pere de Sveda Esperanto-Federacio, esploron pri « Ĉevalviando kaj buĉado de ĉevaloj ».

Ĉar ne ekzistas sufiĉa literaturo pri tiu temo kaj ĉar la esplorado amplekssos la tutan mondon, la universitato deziras uzi Esperanton por tiamaniere atingi ĉiujn landojn kaj ĉiujn popolojn.

Ni petas ĉiujn kompetentajn samideanojn respondi la jenajn demandojn, eĉ se ili ne povas doni kompletajn detalojn.

1. Kia estis antaŭe la opinio pri ĉevalviando kiel nutraĵo kaj kia ĝi nun estas?

2. Ĉu la mortigado de ĉevalo, hundo

---

E. *ALIAJ SOCIAJ RILATOJ.*

39. De kiu plua societo aŭ alcelado vi estas ano (escepte Espismo), Bellamyismo, Georgismo, Kooperativismo, Federalismo, k.t.p. Eventuale: kia(j), aktiva(j), funkcio(j)?

40. De kiuj Esperanto-societoj vi estas an(in)o? Eventuale: menciu la aktiva(j)n, funkcio(j)n: delegito, estrarano, komisionano, kursgvidanto, propagandisto, k.t.p.

41. Ĉu vi estas an(in)o de loka Esperanto-grupo kies anoj sufiĉe regule kunvenas aŭ ĉu vi apartenas al la disaj esperantistoj?

42. Kiajn specialajn funkciojn vi plue havas en la esperantista medio? Ekzemple: privatinstruist(in)o, publicist(in)o.

43. Kiun specialan interesiĝon aŭ amataĵon vi aktive praktikas en kunlaboro kun aliaj personoj (filatelio, genealogio, botaniko, k.t.p.)?

44. Eventuale: konciza informo pri viaj pliaj sociaj rilatoj.

45. Dato de alsendo.

La menciojn de via nomo kaj adreso kune kun via subskribo vi povas preterlasi, se vi ne deziras meti ilin.

# Paŝo post Paŝo en Esperanto 3 [1]

Ni jam scias multe pri Esperanto; ni konas la alfabeton, ni scias kiamaniere ni devas prononci la diversajn literojn, ni scias ĉion sciindan pri la vortakcento. Ni do kapablas laŭtvoĉe legi ĉiun Esperanto-tekston.

Nun ni ankoraŭ iomete bezonas refreŝigi al ni la memoron koncerne la diversajn vortspecojn kaj funkciojn de la vortoj en la frazoj, por ke ni povu senerare apliki la regulojn de la Esperanto-gramatiko.

Kaj tiucele ni povas repreni kion ni lernis pri nia propra gepatra lingvo; la bazaj principoj ĉiam restas senŝanĝaj. Kio estas substantivo ? Kio estas adjektivo ? Verbo ? Komplemento rekta aŭ nerekta ? Subjekto ? Adverbo ? Ĉu estas prepozicio ? Kio estas frazo ? Kiel oni analizas propozicion ?

Ni reprenu la gramatikan libron kiun ni uzis en la lernejo por la franca, la flandra, la angla aŭ la germana lingvo kaj ni restudu tion kion ni jam forgesis.

Tio ne devas fortimigi vin; ĝi ne estas granda laboro, ĉar relegante, ni tuj rememoros kion ni ĉiutage aŭtomate uzas sed ne plu pripensas. Sed tion ni bone pripensu : sen tiu malgranda laboro, sen la malgranda bazo por komenci, neniu iam bone konos aŭ uzos Esperanton !

Se vi ne scias kio estas substantivo, vi ankaŭ ne scios ke vi devas uzi la finaĵon -o, vi ne scios ĉu vi povos aldoni -n, -j aŭ -jn. Se vi ne scias ke temas pri adverbo, vi eble uzos ĝin kiel apozicion kaj klopodos aldoni erare la finaĵon -j. Mi ripetas : Esperanto estas tre facila lingvo, sed vi devas koni vian propran gramatikon ĝeneralan.

Rapide mi volas doni tie ĉi kelkajn difinojn kaj mi ĉerpas precipe el la tre bona « Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esperanto » de Paul Fruictier, reviziita kaj kompletigita de Grenkamp-Kornfeld :

SUBSTANTIVO : estas vorto kiu servas por nomi personon, aĵon aŭ ideon.

ADJEKTIVO : estas vorto, montranta econ, staton aŭ agon de substantivo.

ADVERBO : estas vorto esprimanta manieron, lokon, tempon, kaŭzon, kvanton aŭ direkton. Ĝi estas vorto kiu donas iun difinon de adjektivo, de verbo aŭ de alia adverbo.

PRONOMO : estas vorteto kiu anstataŭas substantivon.

PREPOZICIO : estas vorteto kiu esprimas rilaton inter vortoj. En Es-

---

(1) La enkonduko de la kurso « Paŝo post Paŝo » aperis — sen numero — en la kajero de oktobro 1951a: la unua leciono — kun indiko 1 — en la kajero de decembro 1951a: la dua leciono — denove kun indiko 1 anstataŭ 2 — en la numero de februaro 1952a. Ni tiun ĉi fojon do daŭrigas per la 3a.

---

kaj kato kaŭzis socian malhonoron, kaj kiel tiuokaze tio montriĝis ?

3. Ĉu ekzistas speciala persono, kiu havis la taskon mortigi ĉevalojn, hundojn ? Kiel li nomiĝis kaj kiel li estis akceptata ?

4. Kiamaniere okazis la mortigado de tiaj bestoj ?

La sciigojn oni bonvolu sendi, laŭeble plej malfrue la 15an de majo 1952, al la subskribinto, kiu kolektos kaj transdonos ilin al la sveda universitato. Koran dankon !

J. SOYEUR,
rue du Chêne, 91, Seraing.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO

## ESPERANTO-GRUPO « LA VERDA STELO » (Poŝtĉeknumero : 726.54)

Sekve al la jubileaj festoj de la monato januaro, kelkaj membroj decidis dediĉi al la jubileinta prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte, specialan kanton, skribitan kaj komponitan de gemembroj de la Grupo kaj kantotan, unuafoje, de du membrinoj, S-ino Magda Sielens-Fierens, de la Antverpena Opereto Lernejo (unua voĉo) kaj de S-ino Christiane, de la Reĝa Flandra Operejo (dua voĉo). S-ro H. Claessens, orkestestro de la sama Operejo, bonvolis, ĉe l'pianoforto, akompani la du kantistinojn, okaze de la unua ekaŭdigo.

Jen la poeziaĵo de F-ino Hélène Hofkens, sur kies versoj S-ro Aug. Debacker, kiu apartenas ankaŭ al la R. Fl. Operejo, komponis viglan, kvankam iom solenan marŝ-muzikon :

### LA KANTO DE LA VERDA STELO

*Muziko de August Debacker*

Antverpeno, nia urbo bela,
En vi vivas grupo Esperanta,
Estas nia « Verda Stelo » hela,
Kiu ĉion estas konkeranta.

Indaj membroj esti ni deziras
De al ni la kara Verda Stelo;
Nian lingvon ĉiuj plenadmiras :
Esperanto estas ja juvelo !

Sed en ŝrankon ni ne formetu
Tiun karan lingvon, kiu ligas;
Sed kontraŭe, ni tra urb' ripetu :
Zamenhofa lingvo nin kunigas !

Por la celo ni ja luktos ĉie
Ĉiuj ni, gemembroj, sen ripozo;
Dum nin Prezidanto energie
Gvidos al la finapoteozo !

*Hélène Hofkens.*

* * *

En la listo de la novaj diplomitoj de la vintra kurso, kiu aperis en la antaŭa numero, forfalis la nomo de S-ro Raymond De Rop, kiu ankaŭ akiris la diplomon pri simpla kapableco.

* * *

La 8an de februaro, F-ino Math. Hofkens parolis pri « Miaj spertoj kun infanoj »; temo kiu pritraktis la karieron de la paroladistino mem. Amuzaj travivaĵoj alternis kun tre interesaj klarigoj pri la nunaj modernaj instrumetodoj kaj ĝenerala aplaŭdo rekompencis la paroladistinon.

« Sinjorinoj, ŝoforinoj aŭ ne ? » estis la temo de la diskutvespero, kiu okazis la 15an kaj kiun enkondukis S-ino L. Bernaerts. Plu raj membroj vigle debatis pri tiu aktuala problemo kaj, post la esprimo de amuzaj kaj seriozaj opinioj, S-ro Sielens sprite konkludis.

La postan tagon, sabaton, la 16an, cento da esperantistoj kunvenis vespere, sur la Conscience-placo. Malantaŭ folklora, papera, bele

---

peranto ĉiu prepozicio havas sencon bone difinitan (antaŭ, apud, ĉe, ĉirkaŭ, ekster, en, ĝis, inter, sub, super, trans ktp.).

KONJUNKCIO : estas neŝanĝebla vorto kiu kunligas vortojn aŭ frazojn : kaj, se, ĉar k.t.p.

VERBO : estas vorto kiu indikas agon, staton aŭ econ.

Ni poste pli detale kontrolos ĉi tiujn difinojn.

Per diversaj el tiuj vortoj — foje multaj, foje tre malmultaj — ni faras frazon, ni formas PROPOZICION. En tia propozicio ni pruvas ĉu ni konas — aŭ ne — la gramatikon de Esperanto.

Pri la formado, analizado kaj signifo de la propozicioj, ni parolos proksiman fojon.

* * *

Intertempe ni revidu niajn konojn pri analizo de frazo kaj apliku ilin al la § 6, 7, 8, 9 kaj 10 de la « Fundamento de Esperanto ».

H. S.

## ORATORA KONKURSO

### Regularo

La oratoran konkurson de R.B.L.E. rajtas partopreni ĉiuj gejunuloj ĝis 28jaraj, kiuj estas membroj de la Ligo kaj aliĝas al la koncerna Belga Kongreso.

La partopreno estas senpaga, sed ĉiu partoprenanto devas sin skribe anonci al la prezidanto de la Ligo minimume unu tagon antaŭ la tago de la konkurso.

Por ĉiu oratora konkurso, la Estraro de R.B.L.E. nomas komisionon, konsistantan el prezidanto, du membroj kaj du anstataŭantoj.

La Estraro decidas pri la temo de la konkurso, fiksas la limtempon de la paroladetoj kaj akceptas la aliĝojn al la konkurso. La Komisiono decidas pri la premioj per la plimulto de voĉoj.

La oratora konkurso okazas en Esperanto.

La kandidatoj ne rajtas trapasi la fiksitan limtempon.

* * *

La temo de la Oratora Konkurso 1952a estas « **Kial mi batalas por Esperanto** ».

---

lumigita lanterno, konstruita de S-ro G. Debacker kaj portata de S-ro J. Vinck, kiun akompanis harmonikaisto, tuta karavano de « Verdstelanoj », kun familiano kaj parencoj, promenadis al la fama pulĉinela kelo en la plej malnova kvartalo de Antverpeno. Laŭ la tradicio, oni dancis kaj kantis dumvoje kaj sur la Granda Placo, antaŭ la Urbdomo. La vizito mem al « la salono » de la pulĉinela kelo ĉiam konservas siam ĉarmon kaj la prezentado de « Ursono kaj Valenteno » kaj de « Harpendiĝo » multe allogis la publikon. Antaŭe, S-ro Verstraeten, per prologo parte esperanta, parte en antverpena dialekto, metis la ĉeestantaron en la dezirindan bonan humoron. S-ro Jaumotte, dum la paŭzo, forlotumigis plurajn librojn por propagandi nian lingvon. Post la prezentado, oni trovis, en la « Rocoxhuis », gajan kabaredan sferon al kiu S-ro Peelman donis esperantan ĉarmon per publika kantado.

La 22 an, la filmprezentado de S-ro R. Van Eynde kun plurai dokumentai filmoj, antaŭiris la karnavalan feston kaj sabaton, la 23an, okazis granda kostumita balo. Dum tuta vespero kaj ĝis la plej malfrua horo, la membroj, bele alivestitaj, amuziĝis kaj dancis en vere esperanta atmosfero. Diversaj konkursoj por la plej bele aŭ originale kostumitaj sinjorinoj aŭ sinjoroj estis rekompencataj per multaj premioj. S-ro G. Vermandere tutspeciale varbis la ĉarmon F-inoton Danielle Rofmer, kiu regalis la ĉeestantaron per du rimarkindaj dancnumeroj. Poste, sub la lumo de hela reflektoro, S-roj G. Vermandere, G. Debacker, R. De Coster kaj J. Verstraeten, en la kadro de la karnavala atmosfero, prezentis parodion de la baleto « La Ratetoj de l'Operejo », kiu eksplodigis veran uraganon de rido ĉe la publiko. Tiu karnavalbalo iĝis unu el la plej bone sukcesintaj festoj de la lastaj jaroj!

La 29an, parolis S-ro H. Sielens pri temo, kiun li mem ne konis, sed pri kiu li sukcesis tre varme babili dum unu horo kaj duono, kun la finfina promeso, ke li havos, la sekvontan fojon, pli interesan subjekton!

La 7an de marto, okazis la ĉiumonata parolata ĵurnalo, al kiu la membroj kaj multaj novuloj ĉiam pli kaj pli kunlaboras.

La 14an, kuniĝis pli ol 60 « verdstelanoj » por ĉeesti la amuzan vesperon al kiu, eksterprograme, kunlaboris, en enkonduka parto, S-ro H. Claessens, orkestestro de la Reĝa Flandra Operejo, ĉe la pianoforto kaj S-inoj Christiane kaj M. Sielens, kiel kantistinoj, kiuj — kiel jam dirite, — kantis, por la unua fojo publike, « La Kanto'n de la Verda Stelo », sur teksto de F-ino H. Hofkens kaj muziko de S-ro G. Debacker.

Poste, sub gvidado de S-ro Peelman, kantis la « junula » horo »: F-inoj Henny kaj Johanna De Ketelaere, G. Leibovitche, Cl. Peeters; S-inoj A. Van den Driessche, S. De Vriese-De Meersman, L. Bernaerts kaj S-roj H. Denayer, kaj J. Vinck, kun piano-akom-

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO
### Koopera Societo

Laŭstatute, la ĝenerala jarkunsido de nia Koopera Societo « BELGA ESPERANTO-INSTITUTO » okazos sabaton, la 31an de majo, posttagmeze, en Bruĝo, en la kadro de nia Belga Kongreso.

La kunvokilon pri tiu kunveno ni publikigos, kune kun la tagordo, en la proksima numero de « Belga Esperantisto ».

* * *

Ni kaptas la okazon por atentigi la akciulojn pri la fakto, ke multaj inter ili ne jam re-ensendis siajn akciojn, kiuj estas anstataŭotaj pro ŝanĝo de la valoro de la unuopaj akcioj.

La Administrantaro decidis plilongigi la periodon por tiu ensendo ĝis la fino de Junio, t.e. do ĝis post la belga Kongreso.

Interesatoj povas alporti siajn akciojn dum la Kongreso kaj transdoni ilin al ĝi administranto.

La interŝango okazos tuj poste en la unuaj tagoj de Julio.

**Post tiu dato, la antaŭaj akcioj iĝos senvaloraj.**

---

panado de F-ino F. Meulemans kaj S-ro J. Van Nereaux.

Krome, staris sur la programo rimarkinda deklamaĵo de F-ino H. De Ketelaere; teatraĵeto « Hotelo : En la Blanka Ĉevalo », bone prezentita de S-roj P. Peelman kaj J. Vinck; malgranda deklamaĵo de tiu ĉi lasta; agrabla buŝharmonika intermezo de S-roj W. Van Nereaux kaj H. De Hondt, kaj bonhumora skeĉo : « Al Sta. Anna-Strando », interpretita de F-inoj H. De Ketelaere, Cl. Peeters kaj S-roj P. Peelman, H. Denayer kaj J. Vinck. Ĉiuj numeroj vekigis inter la aŭdantaro veran « esperantan » sferon kaj la deziron : reobligi saman vesperon ».

*Programo de la venontaj Kunsidoj*
Ĉiuvendrede, en « Witte Leeuw »
Frankrijklei, 4, je la 20a.30

*Aprilo.* — La 4an : parolata ĵurnalo; la 11an : Sta. Vendreda Atmosfero, kiu escepte okazos en la restoracio « Chapelle de Bourgogne », Lge Nieuwstraat; la 18an : diskutvespero, enkondukota de S-ino J. De Hondt; sabaton, la 19an, je la 8a, en « Witte Leeuw »; PRINTEMPA BALO; la 25an : Niaj somerplanoj (priparolo kaj diskuto).

*Majo.* — La 2an : parolata ĵurnalo; la 9an : parolado de S-ino Lecat : « Bahaismo kaj Esperanto »; la 16an : amuza vespero, gvidota de S-ro R. Balleux; Dimanĉon, la 18 an : Aŭtoĉara vizito al la Hughaveno de Melsbroeck kaj, posttagmeze, al celo ankoraŭ elektota; la 23an : filmvespero; la 3 an : *Diplomdisdono* al la gelernantoj de la printempa kurso kaj *inaŭguro de la grupa flago*; la 31 an : komuna foriro je tagmezo al la Nacia Kongreso en Bruĝo.

*Junio.* — La 1an kaj 2an : Nacia Kongreso en Bruĝo; la 6an : Raportoj pri la Nacia Kongreso; la 13an : diskutvespero, enkondukota de S-ro R. Balleux; la 20an : Komuna vizito al la Pentekosta Kermeso; la 27an : ekskurso tra la urbo.

*Julio* : La 4 an : parolata ĵurnalo.

BRUĜO

**Bruĝa Grupo Esperantista.**
*(Poŝtĉeknumero : 18.35.33)*

Dum la kunveno de la 22a de januaro, aperis denove la ĉiumonata parolata gazeto, kun interesaj kronikoj de diversaj membroj, inter aliaj de Sro Groothaert pri « Bredado de Kanaribirdoj » kaj de Fino Yv. Poupeye, pri « La strateto de la Blinda Azeno ».

La 29an de januaro kaj la 5an de februaro, Sro Vermeersch paroladis pri « Dentofabrikado » kaj donis interesajn detalojn, montrante gipsajn modelojn.

Fino Y. Poupeye, faris la 12an de februaro kaj ankaŭ la 4an de marto, belan paroladon pri « Ludwig van Beethoven », ilustritan per arta pianoludado de Sro A. Bouquet.

Lasta leciono de la elementa kurso okazis la 19an de februaro.

La 26an de februaro estis la vico de F-ino M. Van Neste por paroladi

pri « La Vivkompreno en Bulgarujo », kion ŝi faris interesplene.

La dua grupa balo de la nuna sezono, okazis sabaton 8an de marto, en la dancejo Tabarin. Malgraŭ konkurenco de multaj aliaj dancfestoj, eĉ maskitaj ekster la urbo, ĝi bonege sukcesis kaj entuziasmigis ĉiujn ĉeestantojn. Pri ĝi estis raportata dum la sekvanta kunveno de la 11a de marto, kaj speciale Sro Groothaert antaŭlegis kelkajn impresojn pri ĝi. Post tio Sro Karlo Poupeye faris mallongan paroladon pri « La Steloj ».

Plia numero de la parolata gazeto, aperis la 18an de marto, kun rubriko pri « Esperanto-Politiko » de la prezidanto Sro Ch. Poupeye, kaj humoraĵoj de F-ino Is. Van Parys, Ges-roj Groothaert kaj F-ino M. De Smidt.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ordinara kunveno : ĉiumarde, je la 20a, en la sidejo : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or ».

Ni rememorigu ke dum ĉiu kunveno, iu membro faros mallongan paroladon. Krom tio la programo antaŭvidas :

**Majo :** 6an, Triopa, interparolado kun posta publika raporto. 13an, Kanto-vespero; 20an, Parolata gazeto; 27an, lastaj aranĝoj por la kongreso.

De la 31a de majo ĝis la 2a de junio : Okaze de la Ora Jubileo de la Grupo : 36a Belga Kongreso de Esperanto (vidu programon sub aparta rubriko).

**Junio :** 3an, Raportado pri la kongreso; 10an, Esperanta kartludado; 17an, Parolata gazeto; 24an, Kanta vespero.

BRUSELO

**Esperantista Brusela Grupo.**

*(Poŝtĉekkonto : 12.30.48)*

La antaŭviditaj programoj efektiviĝis regule. La 21-an de januaro kaj la 18-an de februaro, S-ro Vander Stempel gvidis, laŭ la kutima bona maniero, la perfektigan kurson kaj memorigis al ni la malfacilaĵojn kaj la subtilaĵojn de la lingvo. La 14-an de januaro kaj la 11-an de februaro, S-ro L'Host faris rimarkindajn prelegojn pri la birdoj en Eŭropo. Temis speciale pri paseroj, iliaj karakterizaĵoj, koloroj, plumaroj, aspektoj, vivmanieroj kaj kantoj. Post la prelego, S-ro L'Host aŭdigis al ni la diversajn kantojn de birdoj, registritajn pere de mikrofono en la mezo de l'arbaro.

La 28-an de januaro, okazis la ĝenerala jarkunsido kiu diferencis de la antaŭaj per la eksiĝo de F-ino Obozinski kiel sekretariino. La prezidanto skizis en trafaj vortoj ŝian valoran kaj sindoneman laboron, faritan dum longaj jaroj por la brusela grupo. Li diris i.a. : « Dum kelkdekoj da jaroj vi restis senĉese ligita al nia grupo; vi okupis sinsekve diversajn funkciojn. Vi estis sekretariino, vi estis vic-prezidantino, vi estis simpla komitatanino, sed ĉiam kaj ĉiam vi estis kursgvidantino. Kiu povus kalkuli la nombron de la novaj esperantistoj, al kiuj vi konigis la unuajn elementojn de nia lingvo ? Multaj el tiuj, kiuj ĉeestas ĉi tiun kunsidon, ricevis de vi la esperantan fajreron, kiu ĝis nun brulis en ilia koro, tiun ardan fajron kiu konservis ilin fidelaj al nia movado. Ĉion, kion vi faris por nia movado, vi ĝin faris modeste, ne atendante alian rekompencon ol tiun intiman senton, havigatan pro devo sindone konsentita kaj ĝoje efektivigita, tiu deziro frate rilati al la homaro, kiun Zamenhof nomis homaranismo. Kara F-ino Obozinski, vi estas ekzemplo por ĉiuj; de ĝi ili sciu, ke homa vivo ne estas kompleta, se parto de ĝi ne estas dediĉata al la plibonigo de si mem kaj de la aliaj. Tion mi volis diri al vi hodiaŭ, en tiu tago, kiu tute ne estas adiaŭa tago. Ni bone scias ke, eĉ se vi forlasas vian oficon, vi tamen restos fidela al nia grupo, al nia Ligo, al nia Esperanto-movado. Por ke via loko restu

signita inter ni, mi proponas al la membroj, ke ili elektu vin dumviva honora komitatanino. Vi do rajtas ĉeesti niajn komitatajn kunsidojn, kaj tiel ni povos profiti vian sperton kaj viajn konsilojn. » Tiu propono kompreneble estis unuanime akceptata. Nome de la grupo floroj kaj donaco estis transdonataj, la malnova komitato estis senŝarĝita kaj la novproponita komitato estis akceptata. Jen la komitato por 1952 : Prezidanto : D-ro P. Kempeneers; Vic-prezidanto : D-ro H. Castel; Sekretariino : . S-ino E. Ernst; Kasistino : S-ino J. Plyson; Help-sekretario : S-ro M. Jirousek; Membroj : F-ino M. Kestens kaj S-ino M. Weyn. Krome oni starigis helpkomitaton por la aranĝotaj festoj, kiu konsistas el : S-ino E. Staes, S-ino M. Stern, familio Weyn, S-ro Oleffe, S-ro L. Genin, S-ro R. Jacobs kaj S-ro J. Verdier.

La 4-an de februaro kaj la 3-an de marto, okazis nia parolata ĵurnalo, kiu estas ĉiam tre varia kaj interesa. La 4-an de februaro kaj la 3-an de marto, S-ino F. Staes akiris la plej altan poentnombron por siaj laboroj.

Nepre menciinda estas la parolado de nia prezidanto D-ro Kempeneers, kiu okazis dimanĉon la 17-an de februaro en « Palais Mondial » antaŭ multnombra publiko. Dum tiu prelego, kies temo estis : « Le problème de la langue mondiale » (franclingve elparolata), esperanto-propagand-materialo estis disdonata. La parolado havis plenan sukceson kaj rikoltis laŭdan aplaŭdon, kaj varma danko iras al nia prezidanto por lia iniciato okazigi tiun propagand-prelegon.

La 25-an de februaro, S-ino Castel gajigis la ĉeestintojn per humoraj karnavalaj rakontoj kaj iliajn stomakojn per bongustaj lorenaj fritaĵoj.

La 10-an de Marto, S-ro Jirousek prelegis pri silk-skrenpresado kaj sukcesis doni al la ĉeestintoj vivantan ideon pri la diversaj metodoj, koncerne la modernan desegnadon.

**Programoj de la estontaj kunvenoj.**

Ĉiulunde, je 20 h. 30. Ejo : Brasserie St Martin, Place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

**Aprilo.** — La 7an, Parolata ĵurnalo; la 14an, Paskaj festoj, ne okazos kunveno; la 21an, Perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 28an, S-ro L. Genin : « Belaj memoraĵoj ».

**Majo.** — La 5an Parolata ĵurnalo; la 12an, 1° S-ro F. Swinne : Konscienca kontraŭdiro; 2° Oratora konkurso : « Kial mi batalas por Esperanto »; la 19an, Perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 26an, S-ino Elly Staes: « Damme ».

**Junio.** — La 2an, Pentekosto, ne okazos kunveno. Ĉiuj estu en Bruĝo por ĉeesti la 36 an Belgan Kongreson; la 9an, Parolata ĵurnalo kaj poste raporto pri la nacia kongreso; la 16an, F-ino Kestens « Parolado pri promenado tra Bruselo »; la 23an, Fino de la perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 30an, F-ino Obozinski : « Aprilo en Portugalujo ».

**Julio.** — La 7an, Parolata ĵurnalo; la 14an, S-ino Ernst : « Novelo »; la 21an, nacia festo, ne okazos kunveno.

**HERSTAL**

Sabaton, la 23an de februaro, en salono de la Kristana Preĝejo de tiu grava loko, okazis propaganda parolado farita de nia samideano, S-ro Marcel Bury, el Herstal.

La aŭdantaro konsistis el anoj de kristana studrondo. Longa interdiskutado sekvis la prelegon, kiu tre bone sukcesis; pluraj lernolibroj estis disvendataj kaj oni esperas malfermi baldaŭ esperantan kurson.

Gratulon al S-ro Bury pro lia bela sukceso.

**VERVIERS.**

**Programo de la venontaj kunvenoj.**

Ejo : « Brasserie du Vieux Brasseur », rue Xhavée.

# 37a Universala Kongreso de Esperanto

Oslo, 2-9 de aŭgusto 1952

Jus aperis la dua oficiala bulteno.

**Honora protektanto.**

Lia Kronprinca Moŝto Olav de Norvegujo konsentis esti honora protektanto de la Kongreso.

**Programo.**

Ĝi estas jam grandparte fiksita.

**Statistiko.**

Ĝis la 31a de Januaro 1952, 640 kongresanoj aliĝis el 26 landoj.

**Kongreslibro.**

Ĉi estos dissendata antaŭ la Kongreso.

**Pagoj.**

Ĉiujn pagojn oni povas fari ĉe la Esperanto Reĝa Belga Ligo Esperantista, 19, avenue Montjoie, Bruselo, poŝtĉeknumero 13.37.67, kalkulante po 7.25 b.fr. por ĉiu norvega krono.

**Loĝado, manĝado kaj ekskursoj.**

Detalojn pri tiuj punktoj estos sendataj tuj post ricevo de la aliĝilo.

**Aliĝkotizo.**

Ekde la 1-a de Aprilo, la aliĝkotizo estas por la kongresano 40 norv. kronoj; por la edz(in)o de kongresano 20 norv. kronoj; por junul(in)oj ne pli ol 20 jaraj : 15 norv. kronoj.

Aliĝilojn oni povas ricevi de Reĝa Belga Ligo Esperanta, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.

---

**Aprilo.** — La 9an, S-ino Ehlen « La Paca Movado »; la 23an, S-ro J. Desonay : « La ferhavantaj fontoj en Spa »; la 30an, S-ino Demarche : « Vojaĝo en Svisujo ».

**Majo.** — La 14an, S-ro J. Kairis : « Humorajoj »; la 28an, S-ro T. Demarche : « Pri urbanismo ».

**Junio.** — La 11an, S-ro Jos. Morgenthal : «La florkampoj en Nederlando»; la 25an, S-ro Lenzen : « La modernaj metodoj de hejtado ».

---

## El la Esperantista Familio

*NEKROLOGO*

Al F-ino H. HEYENS kaj familianoj, ni prezentas niajn plej profundajn kondolencojn okaze de la morto de ŝia patrino kaj ilia parenco, kiu okazis en Antverpeno.

Ni eksciis pri la morte de S-ro MAGOTTEAUX, delegito de U.E.A. en Liego. Niajn sincerajn kondolencojn ni esprimas al lia familio.

*GRATULOJ*

Niajn sincerajn salutojn al nia tre kara S-ino Felicie STAES, kiu festis la 13an du januaro sian 80an naskiĝtagon. Ke ŝi povu ankoraŭ festi multajn en bona sanstato.

HUMORAJOJ

DUM ESPERANTO-KONGRESO.

Interkonatiĝa vespero. Samideano aŭdas krii sian nomon :

— S-ro Dubois !

— Estas mi.

— Mi estas Sam Mac Vea, via Usona korespondanto.

S-ro Dubois rigardas, iom mirigite, sian alparolinton, kies blanka dentrideto brilas, meze de la plej nigra vizaĝo imagebla.

— Vi estas negro ! !

— Jes. Kiel vi divenis tion ?

— Ho ! Tre simple. Laŭ via esperanto-elparolo !

**INFORMIĜO.**

Dum nokto malluma, junulo alvenis biciklo kaj sen lanterno je vojkruciĝo, kaj ne sciante kien sin direkti, alpaŝis foston kun surskribo. Li esploris siajn poŝojn por trovi alumedojn, sed nur trovis unu. Li surgrimpis kun peno la foston ankoraŭ iom malsekan, ekbruligis la alumedon, kaj legis la sekvantan surskribon : « Atentu pri la pentrajo ! ».

NIA VOĈO ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA —

2a Jaro APRILO 1952 N-ro 2a

# KONGRESO DE T. J. O. EN RY (Danujo)

La Tutmonda Junulara Organizo havos sian 8an kongreson de la 10a ĝis la 17a de aŭgusto, t.e. tuj post la Universala Kongreso en Ry, bela loko en Danujo.

Oni scias ke T.J.O. organizas sian Kongreson tuj antaŭ aŭ tuj post la Universala Kongreso, en lando proksima al tiu de tiu Kongreso, por ke interesitoj povu facile ĉeesti ambaŭ.

La programo mencias ekskursojn al Aarhus, Himmelbjerget, laborkunsidojn, prelegojn, filmprezentadon, internacian balon, k.t.p.

La kotizo, kiu inkluzivas loĝadon, manĝadon kaj ekskursojn, estas : por T.J.O.-anoj ĝis 30 jaroj : D.Kr. 75; por T.J.O.-subtenantoj super 30 jaroj kaj ne T.J.O.-anoj : D.Kr. 85. Tiuj, kiuj preferas hotelon, devas pagi D.Kr. 25 pli do 100 kaj 110.

Oni anoncu sin, antaŭ la 1-a de julio kaj pagu al Den Danske Landmansbank, Holmens Kanal 12, Kopenhago aŭ en la poŝtkonto 734.78 de la Organiza Komitato, Brönshöjvej, 62, Brh. Kopenhago, de kiu prospektoj estas haveblaj.

Bela broŝuro pri Ry estas senpage havebla ĉe : Ry Turistbureau, Klostervej, Ry (Lan.).

La L.K.K. intencas aranĝi foto-konkurson (pri fotoj faritaj en Ry, kompreneble) kaj konkurson pri verkaĵetoj faritaj pri la T.J.K., pri Ry, pri Danujo, pri la dana kulturo, k.t.p.

La gajnintoj ricevos, laŭaĝe, belajn premiojn.

Nur anoj ĝis 30-jaraj rajtos partopreni ! Tio estas okazo por atentigi tiujn esperantistojn pli ol 30-jaraj — sed kiuj sentas sin junaj. — ke ili povas tamen ankaŭ iĝi membroj de T.J.O.

Ili ne ĝuos, — kaj tion ili certe komprenos, — la samajn rajtojn kiel la veraj « laŭ

## *INTERNACIA SEMAJNO EN KARLSKOGA (SVEDUJO)*

Karlskoga Esperanto-societo « LA AGLO » decidis aranĝi junularkunvenon kune kun la Oslon Kongreso de la 25a de julio ĝis la 1-an de aŭgusto. La intenco estas ke la gejunuloj ĝuos tute senkostan semajnon ĉe geesperantistoj en tiu urbo.

La plukosto por la vojaĝo de la sveda havenurbo Helsingborg al Karlskoga estas 30,80 sv.kr. (Engrupe ./. 20 %.) De Karlskoga al Oslo kaj de tie al Helsingborg estas ne plia prezo ol se oni rekte vojaĝas.

La aĝo de la junularo estas limigita ĝis 25 jaroj kaj povos esti akceptataj 20 (dek knaboj kaj dek knabinoj) kaj se eble ne pli ol unu ĉiu aŭ urbo aŭ loko ju pli junaj des pli bone.

Karlskoga situas en tre rava regiono en la provinco Vermlanda iom norde de la grandlago « Vernern » kaj 50 km. okcidente de la pli granda urbo Orebro.

La programo por la semajno estos krom manĝo kaj bonfarto, studoj de lernejoj, socialaj kaj aliaj aranĝoj, krome estos ĉiuvespere aranĝataj amuz- kaj dancvesperoj, k.t.p...

## *POR JUNULOJ, KIUJ DEZIRAS VIZITI PARIZON*

La Pariza sekcio de Tutmonda Junular-Organizo anoncas, ke ĝi akceptos la junulojn, kiuj deziras viziti Parizon. Tiuj ĉi povos restadi, por la tre malalta prezo de 50 francaj frankoj, en la Junulargastejo de *Maisons-Alfort*, je 4 kilometroj sudoriente de Parizo (5 min. per aŭtobuso).

En tiu hejmo estas litoj, kuir-aparatoj, manĝilaro, fluanta akvo, k.t.p.

La anoj de la Pariza T.J.O.-sekcio prizorgos la vizitadon de Parizo kaj eventuale aranĝos la malfacilaĵojn de pasporto, monŝanĝo, k.t.p.

La junuloj, kiuj deziras pli da informoj, povas skribi al S-ro Jacques Berlin, 96, rue Jean Jaurès, Maisons-Alfort, Seine, Francujo.

# LITERATURO

## REVENOS LA HIRUNDOJ

I

Revenos al vi la hirundoj,
Pendigos neston de l'balkon',
Kaj plian fojon per flugilo
Ĉe l'vitro vokos vin.
Sed tiuj kiuj, pro l'admiro
Al nia feliĉega par',
Haltigis flugon kun ekmiro,
Neniam revenos plu.

II

Rekreskos por vi lonicero,
Surgrimpos muro de l'ĝarden',
Kaj plian fojon, dum vespero,
Ekfloros nur por vi.
Sed tiu kiu, saturita,
Ploradis larmojn de la ros'
Sur niajn manojn kunigitajn,
Neniam floros plu.

III

Resonos por vi amparoloj
Je la orel', kun arda ton',
Kaj eble vian koron vekos
El longa ĝia dorm'.
Sed mute antaŭ vi klinata,
Samkiel pastro ĉe l'altar',
Samkiel mi, ho! adorata!
Neniu amos plu.

(Adaptita el la hispana lingvo,
laŭ G. A. Becquer) (1)
H. CASTEL.

---

aĝaj » junuloj, sed la rajton pagi sian kotizon, eĉ pli ol la oficialan kotizon, ili konservos... ĝis la lasta tago de sia... esperantisteco!

Tiuj, kiuj interesiĝas pri tiu pag-ebleco... kaj subteno al la esperantista junularo, povas sin turni al la Sekretariino, F-ino Helmi Veldhuyzen, kiun multaj belgoj konas pro ŝia ĉeesto de nia pasintjara Kongreso en Bruselo kaj pro ŝia partopreno en la Junulara Esperanto-Semajno, en la Ruĝa Kruc-bieno de Chevlipont - apud - Villers-la-Ville, dum aŭgusto 1951a. Ŝia adreso estas : Hof van Delftlaan, 79, Delft, Nederlando.

## BIBLIOGRAFIO.

*MODESTA BUKEDO*, de *Karl Jost*, 70 paĝoj, 12×15. Prezo : 1,50 ned. guld. Ĉe Internacia Esperanto-Instituto, 172, Riouwstraat, Den Haag (Nederlando).

La « Modesta Bukedo » de Karl Jost havas la korpreman parfumon de floroj sur tombo. Ĝi venas al ni akompanata per dediĉo al kara edzino mortinta kiu, diras la aŭtoro, « ofereme kaj fidele subtenis min en la batalo por esperanto ». Pri tiu malmulmana kunirado tra la verda valo, la postvivanto faris specon de bilanco sentimenta.

Li videble serĉis, en la plenumo de la entreprenita tasko, balzamon por sia doloranta koro. Tiel, en krizaj horoj, idealo foje havigas al siaj fideluloj serenigan kompenson.

Plej diversaj estas la temoj pritraktitaj en la verketo de Karl Jost, sub formo de artikoloj pri Esperanto kaj ĝia fondinto, legendoj, poemoj originalaj kaj tradukitaj, konsiloj al esperantistoj k.c. En ili apudiras liriko kaj

---

(1) Gustavo Adolfo BECQUER (1837-1870) reprezentas, en la poezia literaturo de sia lando, la transiron de la periodo romantika al la moderna. Liaj « Leyendas » (legendoj), en prozo, evidentigas grandan alvokan talenton, sed li ĉefe ŝuldas sian famon al siaj « Rimas » (Rimaĵoj), kiuj estis modeloj por tuta generacio de poetoj, pro ilia metrika varieco, ĉiam konformigita al la stato de la delikata kaj impresebla animo de la poeto.

En siaj poemoj, Becquer utiligas majstre la plensonecon de la hispana lingvo kaj la fleksebleecon de ties frazkonstruo, kiuj ofte permesas la preterlason de la rimo klasika kaj la nuran helpon de asonancoj kaj de ritmo.

Generale Becquer alternigas du versojn finiĝantajn per asonancoj kaj du versojn blankajn (senrimajn).

« Revenos la hirundoj... », la ĉi supre adaptita poemeto estas tre populara en Hispanujo. En ĝi, Becquer nur uzis blankajn versojn, sed mirindan fonetikan simetrion li donis al sia verketo, regule revenigante en ĝin i.a. samspecajn inversojn.

La adapto en alian lingvon nur povas doni etan ideon pri la ĉarmo de la originalo. Ties formon la adaptinto provis kiel eble plej observi, helpigante sin tamen okaze de rimoj kaj asonancoj.

# INTERNACIA KRONIKO

## LA BATALO POR ESPERANTO ĈE LA SKOLTOJ

Dum la lasta ĵamboreo en Ischl, la esperantistaj skoltoj komencis batalon por akiri la akcepton de Esperanto por la internaciaj rilatoj.

El Esperanto-Bulteno de V.V.K.S. (S-ro J. Van Gulck) ni ekscias ke, de tiam, 300 leteroj estis dissenditaj al la Delegatoj, kiuj partoprenis en Salzburg al la Skolta Internacia Konferenco.

Simpatiaj respondoj jam alvenis el Aŭtrujo, Francujo, Grekujo, Lihtenŝtejno kaj Nederlando. La ĉefskoltoj de Grekujo kaj de Francujo, kiuj tre favore respondis, estas membroj de la Internacia Skolta Komitato; ankaŭ la Ĉefkomisaro de Nederlando estas membro de tiu komitato.

ITALUJO. — El Romo, estis ĵus dissendata jena telegramo : « Ministro por Publika Instruado, per sia cirkulero n° 12.411, datita 21-2-52, informas la ĵurnalistan agentejon « Stampa Internazionale », ke li aprobas la instruadon de helplingvo Esperanto ».

AŬSTRUJO. — La fondinto kaj prezidanto de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien, S-ro Steiner, suferis gravan akcidenton, kiu endanĝerigis lian vivon.

Post kvarsemajna restado en hospitalo, li revenis hejmen kaj jam grandparte reprenis siajn kutimajn okupojn. Koraj bondezirojn por kompleta resaniĝo al nia fervora pioniro.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Pro registara decido, ĉiuj Esperanto-gazetoj ĉesis aperi en tiu lando. La kontakto kun la membroj estas certigata per hektografitaj bultenoj. Ni ricevis la unuan numeron de « Esperanto », informilo de la grupo en Hradec Kralové.

---

praktika saĝo, obligante kontentiĝon de ĉiuj spirit- kaj animinklinoj.

Jen vespera pejzaĝo kiu plaĉos al revemulo :

El la akvo la profunda
Rebriladas pala lun',
Mute glitas la boato
Kaj remil' ripozas nun...

Jen filozofa konsideraĵo kvazaŭ falinta el la buŝo de D-ro Pangloss, la eminenta guvernisto de Candide :

« Se mi estus tiam sciinta (en 1903) kiom da malfacilaĵoj, mokado kaj stultaĵo mi renkontos en mia Esperanto-vivo, mi ne estus lerninta ĝin. Sed, feliĉe tion mi ne sciis. »

Jen fine admono destine de la nekuraceblaj izoluloj, kiuj eble uzas Esperanton, sed forgesas la movadon :

« Fariĝu membro de via loka grupo, kaj se ne ekzistas, fondu tian. »

Eĉ la je tiom da ekzempleroj dissemitaj samideanoj kiuj « volonte farus ion sed... ne havas tempon », ne trovos pretekston en la dimensioj de la volumo, por forpeli de si temporaban legaĵon : la libro ja estas modesta tiom laŭ amplekso kiom laŭ titolo. Plie, aĉetante ĝin, niaj « neniamtemponhavantuloj » trovos okazon almenaŭ iamaniere helpi esperantan organizaĵon, ĉar la aŭtoro donacis la tutan presitan kvanton de sia verko, por ke ĝi estu disvendata je la profito de la kaso de la Universala Ligo. *H. C.*

*MALGRANDA REVUO.* — La literatura Esperanto-periodaĵo. Redaktas : S. *Engholm.* Aperas minimume kvarloje en la jaro sur 32 paĝoj. Abonprezo : Fr. 60.—. Aparta numero : Fr. 15.—. Enhavo de la unua kvaronjara numero por 1952.

« La kuponto de la deziroj » de Hans Ruin.

Sovetiaj vidpunktoj pri paco kaj kulturo, de S. Engholm.

Poemoj, de John Francis kaj William Auld.

Sur dorna diskutvojo, de J. Cohen-Cedek.

Letero, de Nils Christensen.

Notoj pri rimriĉo, de W. Auld.

Literaturo (Bibliografio).

Kelkaj kolektoj de antaŭaj jaroj estas ha-

* * *

## ANONCETOJ

— F-ino COCA C. Bajvaktavova, garo Dobrodan, Bulgarujo, deziras korespondi pri ĉiuj temoj : interŝanĝo pm., pk., ktp.

— F-ino Josette KREMER, 11, rue Courte du Pont, Verviers, Belgujo, 23jara, deziras korespondi kun la tuta mondo kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kaj ilustritajn poŝtkartojn.

Loko mankas por ke ni povu recenzi ĉiuj bonajn redaktajojn legitajn en esperantaj gazetoj. Ni do nur povas atesti ricevon pri : Rio-Esperantisto; Voĉo de Islando; De Esperantist (Nederlando); Espero Katolika; Esperanto Bladed (Norvegujo); Kultura Revuo (el Bratislava); Usona Revuo; Bolivia Revuo; Esperantista (Ĉekoslovakujo); Valor Educativo del Esperanto (Montevideo); The British Esperantist; Amerika Esperantisto; Esperanta Finlando; La Vivo (Nederlando); Svenska Esperanto-Tidnigen.

Imp. LIELENS, s.p.r.l., 18, rue de la Princesse, Brux. — Tél. 21.10.98